# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

PLENUMITA 30/05/2015 Ducent deknaŭa eldono 30/05/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**




SENDATA AL 275 La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Pasintaj numeroj de 'A E'** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**Esperanto-ŝlosilo** Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. EFNSK havas ekzemplerojn.

Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

# 72. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## Kelkaj rimarkoj.

La unu vorto "dudek" signifas "duoble dek", kaj estas formita aglutine, sed la du vortoj "dek du" ne signifas "dekoble du". Ĝi kontraŭe signifas kaj devus skribati "dek-du" aŭ "dekplusdu", do neaglutine. Sed Zamenhof decidis enkonduki en Esperanton pli simplan sistemon, en kiu du sisekvaj numeraloj adiciiĝas se la unua estas pli granda ol la dua, eĉ se la numeralo estas substantivo: "Tri milionoj kvarcent tridek dumil cent unu". Kaj tio neniam kreis problemojn.

Football = piedpilkado.

To surf the internet = (ĉirkaŭ)rajdi la interreton.

Virtual = kvazaŭa.

Marcel Leereveld.



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10 a.t.m.

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

Renkontu nin. Venu la 6an de junio 2015 kaj ĝuu Esperantujeton

# Esperanto-Klubo de Centra Marbordo (NSK)



Anoj kunvenas la duan dimanĉon de ĉiu monato 2ptm

The Sanctuary Cafe, Erina Heights
414 Central Coast Hwy, Erina Heights NSW 2260

Dimanĉon, la 12-an de aprilo, okazis malgranda sed inda kunveno ĉe Sanctuary Cafe, Erina Heights. Ni diskutis planojn por la estonteco de nia grupo, kaj kiel ni povus pligrandigi ĝin. Ni identigis tri taskojn: 1. Konigi Esperanton al tiuj, kiuj eble neniam aŭdis pri ĝi; 2. Enkonduki Esperanton al interesitaj homoj; 3. Instrui Esperanton.

Ni diskutis ideojn pri kiel ni povus fari tiujn. Iuj el ili estas: Organizi malgrandan lokan informeventon; Sendi komunikon al loka gazeto (ekz-e: "Central Coast resident to represent Australia at 100th World Convention") kun detaloj de informevento; Krei paĝon en Facebook por nia grupo; Aĉeti celotajn reklamojn en Facebook; Proponi diversajn kaj divers-stilajn kursojn, inkluzive de U3A.

Post la kunveno, ni kreis retan kunlaboran dokumenton en Google Drive por daŭrigi nian diskuton.

Ĉeestis Gerry Phelan, Jo Cho, Alan Turvey, Amy Friedman kaj, kompreneble, mi.

*Raportis Jonathan Cooper*



# La Melburna Esperanto-Klubo

kunvenas ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm
ĉe Ross House, 247 Flinders Lane.



"La Melburna Esperanto-grupo, kiel kutime, renkontiĝis pasintan lundon.

La ĉeestantoj estis Marcel, Karlo, Ken, Joanne, Peter, Heather, Jean, Tristan, Franciska, Jennifer, nova Esperantisto Liam kaj vizitanto de Adelajdo, Charles.

Jim Sparrow, ĵurnalisto de la "Monthly" gazeto venis kaj intervuis nin pri Esperanto kaj ĝia rolo en la mondo. Ni informos vin kiam la artikolo aperos.

Ni ne renkontiĝos la tagon de la datreveno de la Reĝino."

Amike Heather

# Esperanto-Domo Sidnejo



La 7an de junio 2015 okazos kunveno.
Aferkunveno je la 11atm kaj lunĉo ktp je la 1ptm.

★★★★

Merkredon la 27an de Majo venis Roger Springer, Margaret Chaldecott kaj Ian Wylles. Ni provis solvi la problemon de la „wi-fi" ĉe ED Ankoraŭ estas frustra afero! Kelkfoje bona, poste ne!



## Novaĵoj pri la Esperanto-Doma Gastdormejo

La **GASTDORMEJO** de EFNSK devas esti antaŭmendita de estontaj Esperantistaj gastoj. Neniuj Esperantistoj loĝas tie aŭ proksime por helpi gastojn.
Se eble antaŭmendu almenaŭ 2 semajnojn antaŭe. Tio helpas nin prepari la gastdormejon.
Sendu ĉiujn petojn por resti ĉe la gastdormejo al la Sekretario per retmesaĝoj al:
gymea@hotmail.com; rspring@tpg.com.au; **kaj** nsw@esperanto.org.au;

## 3ZZZ Melburno



# Eĥo de 3ZZZ



Ĝuste kiam rifuĝintoj je ĉiuj partoj de la mondo provas trovi azilon kaj male pereas en oceanoj, eblas aŭskulti en la elsendo de la 25a de majo 2015 de radio 3ZZZ Juliette Ternant, rifuĝinto el frankisma Hispanujo al Francujo kaj en kies vivo Esperanto ludis gravan rolon.
Iru ĝis la 1a de junio al la retejo de la radio 3zzz.com.au aŭ kiam ajn al la arkivejo www.esperanto.com.au
ĝuu vian aŭskultadon
La kunvokanto de la Esperanto-programo en 3ZZZ
Franciska Toubale

# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto-Asocio
ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

### 2015-05-24 AEA raportas:

Nian lastan Skype estrarkunvenon (24/05/2015) ĉeestis:
Heather, Joanne, Jonathan, kaj Sandor
La ĉefa tagordpunkto estis nia

*** VENONTA TRILANDA KOMUNA KONGRESO EN BANDUNG (INDONEZIO) 23 – 28 Marto 2016**

-Ni diskutis nian proponitan flugfolion.
Ĝi estas preskaŭ preta.
Ni proponas inviti Jasuo Hori el Japanio kaj Johnny M el Germanio
Ni atendas, ke la ne-ĉeestantaj estraranoj aprobu nian proponon

*** TERTREMO EN NEPALO**

Ni decidis sendi $ 300 al la Nepala Esperanto-Asocio.

*** ESK**

Preskaŭ preta.
La venonta Skype estrarkunveno okazos jaŭdon, la 11-an de junio 2015, je la 19:00 (18:30)
(Poste 2/7; 3/9, 10/9, 24/9, 8/10, 22/10, 5/11,19/11, 3/12, 17/12)

Heather, Joanne, Jonathan, Sandor



# La Brisbana Esperanto-Societo

La Esperanto Societo de Brisbano apogis hodiaŭ proponon de unu de siaj membroj eki konkurson por desegni pli bonan flagon.
Bonvole legu la suban afiŝon!
Bondezirojn, Erhard Claus



La celo de Esperanto estis kaj ankoraŭ estas igi la mondon agrabla kaj paca, kaj la Verda Stelo Flago estas la simbolo por tiu penso.
La espero ankoraŭ estas la sama nun kiel estis antaŭ cent jaroj, sed la desegnaĵo de la flago ŝajnas malnoviĝinta.
Ni bezonos flagon kun desegno kiu allogas atenton, intereson kaj deziron esti parto de la movado. Nia nuna flago ne havas ion de tio.
Tial la Esperanto Societo de Brisbano proponas konkurson por desegni novan Esperanto-Flagon kiu rigardigas kaj interesigas popolon, precipe la junularon por ke ili volu partopreni en la movado. La premio de la konkurso estus 1000 Eŭroj.

# Gravega Novaĵo




La Esperanto-kurso en Duolingo pretas kaj uzeblas.
Jam pli ol 9 000 lernantoj en du tagoj.
Duolingo Rekomendu ĝin al ĉiuj. Amike, Nicole

# Ĉu la Angla estu la sola oficiala lingvo de la EU?

Nun pli ol 1175 komentoj envenis. Kelkaj subtenas Esperanton
http://www.debatingeurope.eu/2014/12/09/english-official-language-eu/





# Krokodili

Jen interesa artikoleto kiu klarigas kiel naskiĝis la vorto "krokodili"
http://www.ipernity.com/blog/xuanautuno32/351988 Amike, Nicole

# Jutubaj filmetoj kaj aliaj

★★★★

Jen vi povas aŭskulti la bonegan intervjuon de Chris Jannsen kun Dmitry, Jonathan kaj mi.
http://www.tipofthetonguemagazine.com/esperanto-and-the-question-for-global-harmony.html
Amike, Nicole

★★★★

https://www.youtube.com/watch?list=PLHU-vW5ti_DKwTj87tnSnc-j9t29p3Bbz&v=z557OFWZhMM&feature=player_embedded




## Kontribuantoj al la Novaĵletero

| Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj | 190 | 191 | 192 | 193 | 194 | 195 | 196 | 197 | 198 | 199 | 200 | 201 | 202 | 203 | 204 | 205 | 206 | 207 | 208 | 209 | 210 | 211 | 212 | 213 | 214 | 215 | 216 | 217 | 218 | 219 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AEA informas | | ■ | | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | ■ | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | | ■ |
| Aliaj Landaj kontribuantoj | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | ■ | | | ■ | | | | |
| Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | ■ | | |
| Brisbana Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | ■ | | ■ |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | ■ | | | | | | ■ |
| Kanbero Esperanto -Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Manlia Esperanto-Klubo | ■ | | ■ | | ■ | | | ■ | | | | ■ | | | ■ | | ■ | | ■ | | | | ■ | | ■ | | ■ | | ■ | |
| Melburna "Meetup" Grupo | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Melburna Esperanto-Asocio | | ■ | | | ■ | | ■ | | | | | | | ■ | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | ■ | | ■ |
| N.S.K Esperanto-Federacio | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | | ■ | ■ |
| Noumea Klubo (NovKaledonio) | | | | | | | | | | | | | ■ | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Okcident-Aŭstralio Esperanto-Ligo | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Sudaŭstralio | | ■ | | | | ■ | | | | | | | | ■ | | | | | | | | ■ | ■ | ■ | | | | | | |
| Tasmania Esperanta Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Toowoomba Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | ■ | | |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Viktorio Esperanto-Federacio | | | | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| 3ZZZ Esperanto-programo | | | ■ | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | ■ |
| "Informu AE, se estas eraro en la listo" rspring@tpg.com.au | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Eĉ mallonga raporto kaj foto informas ke via klubo ekzistas | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| | 30 | 29 | 28 | 27 | 26 | 25 | 24 | 23 | 22 | 21 | 20 | 19 | 18 | 17 | 16 | 15 | 14 | 13 | 12 | 11 | 10 | 9 | 8 | 7 | 6 | 5 | 4 | 3 | 2 | 1 |